# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
14-a jaro N-ro 1 (52) junio 2015

**Enhavo**



**Kovrilfoto:** fotita de la redaktoro en la 19-a aprilo 2015 en Fushun Labora Parko, kie homoj vivis frue en la pratempo.

## Funkciuloj de La Projekto Ĝemelaj Urboj

S-ro Mark Fettes, prezidanto de UEA
S-ino Barbara Pietrzak, estraranino de UEA, ĉefa respondeculino pri la ĝemelurba agado en la subteamo Monda Evoluo
S-ro Stefano Keller, estrarano de UEA pri Monda Evoluo, Konsciigo: Komisiono pri Rilatoj kun Internaciaj Organizaĵoj (KRIO), Ĝemelaj Urboj
S-ro Osmo Buller, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro Wu Guojiang, la komisiito de la projekto

## Kunlaboremuloj de la projekto

Je la kontinenta agado pri Ĝemelaj Urboj nun tri samideanoj volonte kunlaboras kun la projekto.

**Afriko**: s-ro Hassano Ntahonsigaye el Burundo ĉefe peras priajn informojn, retadreso: ntahonsigayea@yahoo.fr
**Azio:** s-ro Hori Yasuo el Japanio, helpas kaj raportas koncernajn agadojn, retadreso: hori-zonto@water.sannet.ne.jp
**Eŭropo:** s-ro Luigi Fraccaroli el Italio, akcelas kontakton inter ĝemelaj urboj per evoluado kaj fortigado de personaj ĝemelrilatoj, retadreso: luigi.fraccaroli@esperanto.it

## Respondeculoj de Landaj Asocioj Pri Ĝemelaj Urboj

**Ameriko**
Argentino: s-ro Jorge Enrique Cabrera, retadreso: jeccenter@gmail.com
Kubo: s-ro Miguel Ángel González Alfonso, retadreso:miguelangel@esperanto.co.cu

**Azio**
Mongolio: s-ro Chimedtseren Enkhee, retadreso: enchjo@yahoo.com
Pakistano: s-ro Jawaid Eahsan, retadreso: saluton123@yahoo.com
Vjetnamio: s-ro Nguyen Xuan Thu, retadreso: autuno32@gmail.com

**Eŭropo**
Finnlando: s-ro Robert Bogenschneider
Francio: s-ino Raymonde Coquisart, retadreso: raymonde.coquisart@yahoo.fr
Nederlando: s-ro Pieter Engwirda, retadreso: pieter.engwirda@gmail.com
Svedio:s-ino Kaisa Hansen, retadreso:kaihan@bredband.net

## Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

**Redaktoro**: s-ro Wu Guojiang
Adreso: Fushun Xinfu-Qu, Qianjin-Lu, 45-Hao, 113015 Fushun, Liaoning, Ĉinio.
Telefono kaj Fakso:+86-024-52650322;
Retadresoj: ghemelurboj@sina.cn amikeco999@21cn.com
**Provlego**: s-ro Robert Bogenschneider, retadreso: robog@gmx.de
**TTT-paĝo**: www.esperanto.fi/ghemelurboj/

NOVAĴO

## Agadplano de la projekto Ĝemelaj Urboj

Reage al la nova strategio de UEA s-ino Barbara Pietrzak el la estraro speciale verkis agadplanon por la projekto Ĝemelaj Urboj. La komisiito aldonis parton da enhavo. La prezidanto Mark Fettes faris rimarkojn.

Konsciigo

Altigi la konscion de la E-komunumo, ke unu el la plej taŭgaj platformoj por ĝia agado estas kontaktoj kun esperantistoj en la ĝemelaj urboj, ĝemelaj vilaĝoj, pere de komunaj projektoj, interŝanĝoj, kiuj envolvas ankaŭ administrantojn de ĝemelaj urboj;

1. Uzi por tiucela agado aparte tiajn eventojn kiel Semajno de Internacia Amikeco, Regionaj kaj Universala Kongresoj (ĝenerale tagojn rekomenditajn por la informlaboro);

2. Utiligi por ĉi-specaj alvokoj tiajn informkanalojn kiel ekz. la revuo Esperanto, uea.org, Informilo pri Ĝemelaj Urboj, la listoj Landa Agado, uea-membroj ks.

3. regule sendi (jaran) raporton de la projekto al landaj aŭ internaciaj ne-esperantistaj organizaĵoj, kiuj havas samajn funkciojn pri ĝemelaj urboj, por veki vastan atenton al la rolo kaj valoro de Esperanto.

Kapabligo

Logi al la ĜU-agado pli da mezaj esperantistoj per diversaj agadoj efikaj kaj videblaj.

1. Kadre de la lokaj, landaj kaj regionaj E-aranĝoj organizi trejnrenkontojn pri la organizado de komunaj ĝemelurbaj projektoj kaj interŝanĝoj; pri la starigado de ĝemelurbaj kontaktoj pere de Esperanto;

2. Utiligi konsilcele por evoluigo de la ĜU-agado tiajn eventojn dum la Universala Kongreso kiel Movada Foiro kaj kunsidoj de la Subkomitatoj Konsciigo, Kapabligo, Komunumo.

3. (re)fondi kaj teni bonan kanalon inter UEA kaj urbodomoj de la kongresurboj per la projekto Ĝemelaj Urboj kaj ĉiurimede partoprenigi ilin en la laboroj de la projekto, eĉ aliaj laboroj de UEA.

4. instigi esperantistojn kaj Esperanto-organizaĵojn proponi al urbestroj inviti tiujn urbestrojn aŭ oficistojn de propraj ĝemelaj urboj al gravaj Esperanto-aranĝoj okazontaj en proporaj urboj kiel la Universala Kongreso.

Komunumo

Krei apartan paĝon Ĝemelaj Urboj ĉe uea.org;

1. Listigi la ekzistantajn ĜU-urbajn kontaktojn pere de Esperanto kun la eblo aktualigi la liston;

2. Disponigi spertojn el la ĝisnuna agado de Ĝemelaj Urboj en la formo de konkretaj ekzemploj de ligitaj (kaj funkciantaj) kontaktoj pere de Esperanto (ekzemple baze de

Informilo pri Ĝemelaj Urboj).

3. realigi aliron al la retejoj aŭ paĝoj de aliaj ne-esperantistaj organizaĵoj, kiuj havas samajn funkciojn pri ĝemelaj urboj.

Kunordigo

Kadre de LA-oj nomumi apartajn respondeculojn pri la agado ĜU;

1. Proponi al la E-organizoj (LA-oj, kluboj, grupoj) en unuopaj landoj kun propra retejo apartan paĝon dediĉitan al ĝemelurba agado kun konsiloj pri ĝia enhavo. Ĝia adreso estu listigita en la koncerna subpaĝo de uea.org kaj en esperanto.net;

2. instigi lokajn organizaĵojn (provincaj aŭ urbaj) serĉi respondeculojn pri tiu kampo laŭ kondiĉoj kaj bezonoj. Ili ankaŭ estos listigita en la paĝo de la projekto.

3. Financaj projektoj ĉirkaŭ ĜU-agado.

## Varbu proponojn por la laborplano 2015-2016

Reage al la agadplano s-ro Mark Fettes, la prezidanto de UEA, emfazis du punktojn: (1) pri "financaj projektoj" estas vere tro svaga. Eble la unua paŝo estu la ellaboro de financa strategio kiu konsideru i.a. la ŝancojn de EU-subvencioj k.s.; 2) mankas temposkemo kiu montrus la disvolviĝon de la agado jaron post jaro. Ekzemple unu prioritato estas Kapabligo - varbado kaj trejnado de kunlaborantoj. Barbara Pietrzak, estraranino de UEA, ankaŭ elmontris, ke surbaze de la framo de la nuna agadplano necesas fari tre konkretan planon, tial por garantii la kvaliton kaj praktikeblecon de la konkreta plano ĉi-foje la projekto unue invitas esperantistojn kontribui proponojn kun praktikeblaj metodoj antaŭ formiĝo de la oficiala teksto.

La limdato estas la 30-a de septembro 2015.

La komisiito

## Luigi Fraccaroli demisiis

Pro tempo-manko s-ro Luigi Fraccaroli demisiis el la respondeculo de Itala Esperanto-Federacio pri ĝemelaj urboj, sed li daŭre tenas kunlaboron kun la projekto kaj akcelas kontakton inter ĝemelaj urboj per evoluado kaj fortigado de personaj ĝemelrilatoj. Espereble la federacio havos baldaŭ novan respondeculon.

## Duono da atingoj el la ĝemeliĝaj agadoj

En la 22-a de januaro 2015 la 4-a sesio de la 6-a estrarana kunsido de Changzhou-a Esperanto-Asocio, nome Jarkunveno de Changzhou-a Esperanto-Asocio (CEA), okazis en Lanling Mezlernejo de Changzhou posttagmeze de la 22-a de januaro, 2015. Al la kunsido ĉeestis la gvidantoj: s-ro Lu Xiaoguang, honora prezidanto de CEA, s-ro Luo Zhiping, vic-prezidanto de Changzhou-a Federacio de Soci-sciencaj Asocioj. S-ro Zhang Guojun, estro de departemento pri ĝemelaj urboj sub la oficejo pri eksterlandaj aferoj de la urbodomo.S-ro



Zhang Changsheng, prezidanto de la asocio, unuavice resumis la laboron 2014 per ses flankoj, interalie tri flankoj el ili temis pri ĝemeliĝaj agadoj, nome vizitado al la japana ĝemelurbo Takatuki, starigo de ĝemelaj lernejoj inter Changzhou-a Turisma kaj Komerca Kolegio kaj Lower Columbia College en Usono kaj starigo de ĝemela rilato inter la distrikto Qishuyan de Changzhou kaj la usona urbo Longview.

S-ro Zhang Guojun alte taksis la laboron de la asocio en ĝemelaj urboj kaj esperis ke kiel popola organizaĵo CEA kontribuos multe al laboroj de ĝemelaj urboj. Laste li esprimis ke la oficejo pri eksterlandaj aferoj daŭre subtenos la asocion kaj la Esperanto-movado.

El http://www.czea.js.cn

## LEA estrarkunsidis por du festoj

Je la 2-a kaj duono posttagmeze en la 14-a de marto LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio) estrarkunsidis en Shenyang, ĉefurbo de la provinco. S-ro Liu Zhengkun, prezidanto de la asocio, emfazis la ĉefan temon: kiel festi la 30-an datrevenon de LEA kaj la 100-an UK. Post 4-hora diskuto LEA havas por 2015 laborplanon, i.e. koncerne ĝemelajn urbojn: per Esperanto krei eblecon por kontaktigi la urbodomojn de la du urboj: Shenyang, la plej granda urbo en nordo de Ĉinio, kaj Lille, la plej granda urbo en nordo de Francio, kaj pluan eblecon por la komuna konsidero: ĝemeligi la du urbojn.

URBESTRO KAJ ESPERANTO

## Novjara akcepto de nova urbestro



En la komenco de la nova jaro 2015 s-ro Lutz Peters, la nova urbestro de Herzbeg, la Esperanto-urbo bonvenigis grandan Esperanto-grupon el Napalo en la kavalira salono de la bela Welf-Kastelo en Esperanto. Ili estas 34 gelernantoj kaj 3 instruistoj el la Sudokcidenta Kolegio en Katmanduo. Ili kune kantis la himnojn de Nepalo kaj Esperanto, altnivele prezentis popolajn dancojn en elegantaj folkloraj roboj, ni aŭdis tamburmuzikon, gitarludon, gajajn ŝlagrojn en la nepala lingvo.

Ankaŭ prelegis kaj bonvenigis la

grupon en Esperanto la eksurbestro Gerhard Walter. En la plenplena salono ankaŭ ĉeestis vicurbestro Ulrich Schramke, multaj urbaj gekonsilistoj, sekciestroj de la urbo, geinstruistoj kaj gelernantoj de diversaj lernejoj el Herzberg.

El http://www.herzberg.de kaj http://esperanto-urbo.de

## URBA STILO KAJ TRAJTO



**Lille, kongresurbo de la 100-a UK**

Urba historio

Lille, esperante Lillo aŭ Lilo, situas kerne de triangulo de Londono-Bruselo-Parizo, kaj estas grava nordfranca komunumo kaj ĉefurbo de la departemento Nord kaj de la regiono Nord-Pas-de-Calais. En 2011 ĝiaj loĝantoj atingis 227533. Ĝi tiel estas la plej granda urbo de la loka municiparo "Métropole européenne de Lille", kiu entute konsistas el 85 municipoj (inkluzive de Roubaix, Tourcoing kaj Villeneuve-d'Ascq) kaj havas ĉirkaŭ 1,2 milionojn da loĝantoj, kaj laŭ loĝantaro estas la kvara plej granda aglomeraĵo de Francio, post Parizo, Liono kaj Marsejlo. La nuna urbestro estas s-ino Martine Aubry.

Laŭ legendo, Lillon fondis brava giganto en la jaro 640 p.K., sed unua skribita mencio datiĝas de la 11-a jarcento. Ĝin laŭvice konkeris la flandroj, la britoj, la nederlandanoj,la hispanoj kaj la francoj. En la 20-a jarcento ĝi tre suferis pro la du mondmilitoj.

Ekonomie Lillo ĉefe dependis de mekanika industrio, manĝaĵa industrio, tekstila fabrikado, detala komercado kaj financo, nun fariĝas bazo de kompleksa industrio. Instrumentoj kaj materialoj de fervojo, elektroenergio, presa industrio kaj mekanika industrio okupas gravan lokon en la tuta lando

Kulture Lillo havas riĉecon pro longa historio. Ĝi kun Ĝenovo estis dum la jaro 2004 la Eŭropa Kultura Ĉefurbo. Muzeo estas vivanta atestilo. Tie ekzistas 20 muzeoj, ekz. la Muzeo de Natura Historio de Lille fondita en 1822, la Palaco de Belartoj de Lille kiel unu el la plej grandaj muzeoj de Francio kaj tiel plu. La Granda Palaco (Lilla Granda Palaco) ne nur estas

kultura simbolo de Lillo, sed miniaturo de historio pri Lillo.

Eduke Lillo enhavas tri universitatojn, nome la unua Universitato de Lille, la Dua Universitato de Lillo kaj la Tria Universitato de Lillo (Universitato de Charles de Gaulle).

Trafike Lillo estas disvolvita. Tie estas rapidaj fervojoj kiel Eurostar, rapidaj aŭtovojoj kaj internacia flughaveno, kiuj konektas multajn urbojn de Eŭropo. Krome kiel la tria plej granda rivera haveno Lillo havas konekton per akva vojo, nome la rivero Deûle, al la norda Eŭropo, Nederlando kaj Belgio.

Ankaŭ kiel oni bone scias, Lillo estas naskiĝloko de Generalo Charles de Gaulle. Unuvorte Lillo estas vizitinda loko.

## Esperanto-movado




Lille-Villeneuve-Espéranto estas la Esperanto-klubo de la urboj Lillo kaj Nov-Asko (Villeneuve-d'Ascq) en norda Francio. Ĝi sidas en la adreso : 70 rue du Lieutenant-Colpin, 59650 Villeneuve-d'Ascq, ankaŭ estas kontaktebla per la retadreso: contact@lve-esperanto.org.

La klubo estis fondita en junio 1999 kaj havas du subklubojn : la unua en Bersée, la dua en Oignies. Ĝi celas paroli, studi kaj diskonigi Esperanton, kaj ĉiujare organizas staĝojn, debatprelegojn, interklubajn renkontiĝojn.

Lillo kandidatiĝis en 2001 por organizi la Universalan Kongreson en 2005, tiel memorfestonte la centjariĝon de la unua Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazis en 1905 en Bulonjo-ĉe-Maro. Sekve por la centjariĝo la klubo eldonis en 2005 la Esperantan albumon “Tinĉjo en Tibeto” de Tinĉjo, fama belga raportisto (vidu la foton). La eldonon malavare subtenis la Departementa Konsilio de Nord kaj la Urbodomoj de Lillo, Nov-Asko kaj Bulonjo-ĉe-Maro.

## Ĝemelaj Urboj

Nun Lillo ĝemeliĝas kun Rotterdam (Nederlando), Valladolid (Hispanio), Erfurt (Germanio) kaj Wrocław (Pollando), kaj havas partneran rilaton kun Köln (Germanio), Torino (Italio), Esch-sur-Alzette (Luksemburgio), Liège (Belgio), Leeds (Britio), Saint-Louis (Senegalo), Kharkiv (Ukrainio), Safed (Israelo), Nablus (Palestina Aŭtonomio), Oujda (Maroko) kaj Haifa (Israelo). En 2006 la ambasadoro de Francio en Pekino kaj la urbestro de Shenyang de Ĉinio diskutis pri ĝemeliĝo de Lillo kaj Shenyang.

La urbodomo de la urbo atentas pri Esperanto en la agado de ĝemelaj urboj. Reage al s-ro s-ro Claude Longue-Epee, kiu estis akceptita de la urbestro de Rotterdamo dum la 93-a UK, s-ino Martine Filleul, vicurbestrino pri turismo, internaciaj rilatoj kaj ĝemeliĝoj, kaj eŭropaj aferoj, en sia letero diris: “Mi kuraĝigas vin atente sekvi kaj aktive partopreni la estontajn priĝemeliĝajn agadojn de nia urbo”.

Ankaŭ la klubo ĝemeliĝis kun la klubo “La Konkordo ”de Kortrejko (frandra Belgio).

Parta enhavo el Vikipedio kaj http://www.lve-esperanto.org

INTER ĜEMELAJ URBOJ

## Signifa renkontiĝo

Tokorozawa de Japanio kaj Changzhou de Ĉinio estas ĝemelaj urboj.Vespere de la 28a de novembro 2014 Changzhou-a Esperanto-Asocio (CEA) akceptis s-inon Mizuno Keiko kaj ŝian filinon el Tokorozawa en la oficejo de la asocio situante en Dongfang(Orienta) Elementa Lernejo. S-ino Mizuno Keiko estas edzino de s-ro Mizuno Yoshiaki, eksa prezidanto de Tokorozawa Esperanto-Rondo kaj profesoro de la angla lingvo en universitato. Li agrable akceptis la delegacion de la socio en Tokorozawa en 2010, sed forpasis antaŭ tri jaroj. La esperantistoj de Changzhou eterne memoras lin pro liaj nobla kaj ĝentila aspekto kaj pro lia granda kontribuo al la Esperanto-movado.

La ĉi-foja renkontiĝo estas la unua fojo por ni kaj s-ino Mizuno Keiko. 15 membroj de la asocio, ĉefe el studentoj de Jiangsu Teknologia Kolegio, partoprenis en la kunsido.

S-rino Mizuno diris, ke ŝi estas instruistino de la japana lingvo kaj iam instruis en Dalian-a Fremdlingva Universitato en Ĉinio. Ŝia filino tre interesiĝas pri la ĉina fama edukisto kaj verkisto s-ro Ye Shengtao kaj jam lernas la ĉinan lingvon dum du jaroj. Post la forpaso de s-ro Mizuno ili ambaŭ eklernas la lingvon Esperanto por heredi lian ideon. La vicsekretariino de la asocio Brila sciigis al ili E-aktivadojn de nia asocio en 2014. Lora, estrino de la Studenta Esperanto-societo de la kolegio prezentis siajn agadojn en la kolegio. Esperantistoj el du landoj interŝanĝis E-librojn kaj opiniojn pri kaj por Esperanto. Indas mencii, ke CEA donacis al la gastoj la libron “Rano” de la Esperanto-versio, romano de la ĉina fama verkisto Mo Yan premiita de Nobel en 2012. La kunsido finiĝis kun amikeco kaj afableco.



El http://www.czea.js.cn